1a Jaro — No 12 ★ ĈIUDUSEMAJNE ★ 7 Junio 1931


# Katolika Vivo

informiga gazeto internacia


La katolikaj laboristoj, kaj kune kun ili la tuta kristanaro, ĉijare festas la 40-an jardatrevenon de la fama encikliko de la Papo Leono XIII-a *Rerum novarum*, pri la laborista demando. La ĉefa solenaĵo estis certe la internacia pilgrimo de laboristoj el ĉiuj landoj al Romo, la centrejo de Katolikismo.

Okaze de tiu jubileo la surtera Vikario de Kristo de nove priparolis la socian kaj laboristan demandon en jus publikigita encikliko, kies unuaj vortoj latinlingve estas: *Quadragesimo anno*. Kiel la unua, tiu dua Papa instruado estas akironta tiel grandan famon, evidente montrante al la laboristaro, ke la katolika Eklezio senĉese prizorgas ĉiujn siajn infanojn, speciale la de la sorto malpli favoritaj, kaj estas ĉiam kapabla alporti solvon al aktualaj problemoj.

## La socia kaj laborista demando

# Nova Papa instruado

### Sekve de la encikliko de Leono XIII-a okazis socia politiko pli justa

La nova encikliko de Lia Papa Moŝto Pio XI-a enhavas tri ĉefajn partojn. Post kiam li estis montrinta la neceson kaj oportunecon de la publikigo siatempe de la encikliko *Rerum novarum*, la Sankta Patro citas la precipajn kaj plivalorajn bonfarojn de la encikliko de lia antaŭulo sur la seĝo de Sankta Petro. La instruado de Leono XIII-a havigis ja firman fundamenton kaj efikan impulson al la disvolviĝo de la sociaj kaj ekonomiaj sciencoj laŭ katolikaj principoj. Ĝi instigis al forta edukado religia, morala kaj socia de la laboristoj, tiel ke ĉi tiuj komprenis sian homan kaj kristanan indecon kaj serioze prepariĝis konscience kaj saĝe defendi la morajn kaj ekonomiajn interesojn de sia klaso, samtempe akirante virtojn por gvidi aliajn en la vojo al realtigo. Ĝis tiam la liberalismo mastre regis la direktantajn sferojn: Leono XIII-a devigis, ke ĝi iom post iom lasu lokon por socia politiko pli obeema al la inspiroj de la justeco. Kontraŭ la maljustega kontraŭstaro de la liberalismo, la Papo energie depostulis por la laboristoj la rajton asociiĝi cele al frata interhelpo kaj al justa defendo de iliaj rajtoj.

Fakte, de tiam estis ĉie fonditaj multnombraj asocioj de laboristoj, metiistoj, kamparanoj, kiuj deligente penis laŭ la cirkonstancoj por praktike efektivigi la instruojn de Leono XIII-a, konfirmitajn de liaj posteuloj. Kaj ili bone meritis la dankegon de la religio, civilizacio kaj socia prospero. La kvardeka sperto, ĝuste rimarkigas Pio XI-a, atestas ke la *Rerum novarum* vere fariĝis la granda ĉarto de la katolika socia agado.

### Novaj sociaj problemoj

En la dua parto de sia encikliko la Papo pristudas poste iujn demandojn, kiuj estas pli facile diskuteblaj, aŭ pri kiuj, pro la ŝanĝoj okazintaj en la kondiĉoj de la socia vivo, li opinias oportune esprimi precizan kaj plene rajtigitan juĝon.

Unue la Suverena Pontifiko rememorigas, ke la Eklezio kaj ĝia estro havas ne nur la rajton, sed ankaŭ la severan devon deklari sian opinion pri sociaj temoj, certe ne pri teknikaj problemoj aŭ pri tempaj interesoj, sed pri ĉio, kio, sur tiu tereno, rilatas la moralan aŭ Evangelian leĝon.

### Pri la posed-rajto

Tial la encikliko ree proklamas la doktrinon de Leono XIII-a, kiu estas tiu de la Eklezio, pri la posed-rajto kaj ĝia duobla karaktero individua kaj socia, denuncante kiel eraroj egale pereigaj la individualismon kaj la komunismon; ĝi rememorigas la devojn, kiuj ŝarĝas la posedaĵon kaj difinas la rajtojn de la Ŝtato kontraŭ la privata bieno .

### Pli justa salajro dezirinda

La kapitalo kaj la laboro estas la du esencaj elementoj de la moderna ekonomia reĝimo. Pri iliaj reciprokaj rilatoj la Papo deklaras, ke nek unu nek alia rajtas depostuli por si sola la tutecon de la profito de ilia komuna peno; tiuokaze li citas la nerefuteblajn dirojn de Leono XIII-a: « Ne povas esti kapitalo sen laboro, nek laboro sen kapitalo. » Estinte la kapitalo kaj la laboro dividis inter si la profitojn laŭ maljusta disproporcio, kaŭzante antaŭ la alia malplimulton en kies manoj amasiĝas grandaj riĉaĵoj, dume la multnombraj [illegible] posedas nur brakojn por



Lia Papa Moŝto Pio XI-a ĉe sia labortablo
Oni rimarkos la telefonaparaton sur la tablo.

penige labori. Estas tute necese, reorganizi la ekonomian reĝimon kaj ĝin restarigi laŭ normoj de la socia justeco, por certigi plijustan interpartigon de la profitoj devenintaj el la kombinita peno de la kapitalo kaj laboro.

Tiel okazos tiu realtigo de la proletaro, kiun Leono XIII-a tutkore deziregis. Sendube la diverseco de la sociaj rangoj, kiu ekzistas laŭ la saĝa plano de la Kreinto, neniam forestos. Aliparte tamen la proleteco ne povas esti la daŭra kaj normala stato de la plej granda parto de la homaro. Necese estas, ke la proletoj iom post iom altiĝas ĝis tiu grado de modestaj komfortaj vivrimedoj, kiujn havigas bienoj. Laŭ la nuntempaj kondiĉoj oni trafos tiun staton nur pere de justa salajro al la laboro.

La salajro devas sufiĉe granda esti por kovri ne nur la bezonojn de honesta laboristo, sed ankaŭ tiujn de lia familio, kaj plue havigi al li rimedon por efektive plibonigi sian vivstaton.

### Pri la klasbatalo

La Papo finigas tiun duan parton de sia encikliko, priskribante la ĉefajn trajtojn, laŭ kiuj la nuna socia reĝimo estas reformota por respondi al la leĝo de justeco. Post la klasbatalo devas okazi vera kaj sincera kunlaborado inter la diversaj metioj kaj profesioj. La laboro ne estas ordinara varo: en ĝi rebrilas ĉiam la homa indeco de la laboristo kaj ĉi tiu postulas respekton. La diverseco de la industrioj, la granda varieco de la produktado, la multobleco de la oficoj konkuru ĉiuj por la komuna bono, kaj la homsocieto estos des pli unuigita kaj pli harmonie ordonigita, ke ĉiuj kaj ĉiu pli fidele plenumos la devojn de sia profesio, kiu konsistigas ilian veran kaj providencan staton.

### La misuzoj de la nuna ekonomia reĝimo

En la lasta parto de sia encikliko Pio XI-a ĉirkaŭrigardas la tuton tiel multflankan de la moderna ekonomia reĝimo. Li ne ĝin kondamnas, kiel malbone en se, sed li ne povas ne denunci la profundajn deformiĝojn kaj la gravajn misuzojn, kiuj ĝin difektas. La estinta senbrida konkurenco cedis la lokon al troa koncentrigo de la ekonomia potenco en la manoj de malnombra malplimulto, ne nur en unu aŭ alia nacio, sed en la tuta mondo. Koncentrigo kaj prepotenco, kiuj tro facile degeneras en tirana despotismo ! Al tiu malordo estas ne alia rimedo ol la reveno al la sanigaj principoj de la socia filozofio katolika kaj ilia ĝusta apliko al la reĝimo de la kapitalo kaj laboro, ankaŭ al iliaj reciprokaj rilatoj.

### Kion opinii pri la socialista rimedo

La socialismo flatis al si, ke ĝi alportus por tiu malordo absolutan rimedon ; ĝi montriĝis pli malbona ol la malbono mem. De post kiam Leono XIII-a publikigis sian enciklikon, la socialismo ankaŭ spertis profundajn ŝanĝojn. Ĝi dividiĝis laŭ du tute apartaj puŝoj.

La unua, kiu rezultigis la plej ekstremajn konsekvencojn de la socialismo, nomiĝas komunismo. Evidente estas, ke ĝia radikalismo ne povas iel akordiĝi kun la doktrino de la Eklezio.

La alia, kiu gardis la nomon de socialismo, multe malplirigorigis sian programon en multaj landoj ; en multaj punktoj, ĝiaj pensoj estas tiel proksimaj al la principoj katolikaj, ke kelkaj sin demandas, ĉu estas nur disputo pri titolo kaj nomo inter ĝi kaj ni. Tamen la Papo nehezite deklaras, ke tiu socialismo, eĉ ĝis tiu grado adaptita, kaj malgraŭ ke pluraj el ĝiaj depostuloj ne kontraŭas la justecon kaj estas akceptitaj de la Eklezio, tute ne estas akceptebla, ĉar ĝi persiste defendas fundamentan koncepton de la socio tute kontraŭa al tiu de la Evangelio, kaj sekve doktrina interkonsento restas absolute neebla. Neniu povas esti samtempe bona katoliko kaj vera socialisto.

### La sole vera rimedo

Tial la Papo, kun patra korinklino, petegas siajn filojn, kiuj estis trompitaj per senrezulta iluzio kaj forvagis en la armeon de la socialismo, tuj reveni al tiu patrina Eklezio, kiun ili malprave forlasis kaj aliĝi al la falangoj kiuj, fidelaj al la instruoj de Leono XIII-a, ĉiuforte laboras al la restarigo de la socio sur la firma fundamento de la justeco kaj karitato.

Detale ekzamenante la rimedojn, kiuj ŝajnas efikaj por kuraci la nuntempajn malbonojn, Pio XI-a ĝuste rimarkigas, ke la ĉefa kaŭzo de la malordo, kiun spertas la moderna kapitalista reĝimo kaj la socialismo, kuŝas en tio, ke oni ekskluzive celas la surterajn avantaĝojn, sen zorgi pri Dio kaj la ĉielaj bienoj. Oni devas unue ataki tiun ĉefan kaŭzon, denove orientigante la mensojn kaj korojn al Dio kaj instruante ilin konduti laŭ pli nobla kaj pli pura idealo. Antaŭ ĉio, oni devas do plibonigi la morojn, restarigi la regon de la justeco, kiu devas estri la socia ekonomio. Tiam ankoraŭ restos malfermata vasta agadkampo al la karitato, la sola ligilo firma kaj efika, kiu estas kapabla unuigi ĉiujn homojn en unu sola familio.

### Alvoko al la bonvolaj homoj

Al tiu renovigo de la socio sur la bazoj de la Evangelio kaj de la kristana karitato ĉiuj bonvolaj homoj devas alporti sian kunlaboron. La Papo ĝojas konstatante la tiel multajn iniciatojn kaj la ardan fervoron, kun kiu plenumas tiun taskon, en multaj landoj, ne nur la pastraro, sed ankaŭ tiel multe da laikoj, tiel multe da junuloj, ĉiuj gvidataj de la spirito de la katolika Agado. Li enkuraĝigas ilin senĉese daŭrigi tiun noblan apostoladon. Kia katastrofo minacus la mondon, se efektiviĝus la deziroj de iaj riskemaj spiritoj, kies doktrinoj tute kontraŭas la principojn de Kristanismo. Apogata sur la diaj promesoj, la Eklezio nenion timas por si mem, sed ĝi timotremas por siaj infanoj, por tiel multe da animoj, kiuj estus dediĉitaj al certa ruino. Ĉiu do devas, ĉe la posteno aŭ rango al li asignita, kunlabori al la komuna bono, en plena konkordo kaj kun perfekta disciplino, nur prizorgante pri la interesoj de Dio kaj de la regno de Kristo.

Per tiu patra admono finiĝas la grava dokumento, kiun la Sankta-Patro oferdonacas, kiel jubilea memoraĵo, al siaj karaj filoj, kaj pere de ili, al la tuta mondo, alvokante sur ĉiuj la abundecon de la diaj benoj.

Max Roub.



# Vandalismo de la Hispana Respubliko

**Dum la unuaj respublikaj tagoj**

Flamantaj monaĥejoj hispanaj lumigas Eŭropon, malgraŭ la bondeziroj de S-ro Alcalá, provizora prezidanto, kiu klopodas, penas kaj kuraĝiĝas por komprenigi kaj klarigi tion, kio signifas *respubliko* al hispanaj nesciuloj, al plebejoj, al fiĥomoj, kiuj post longa aŭdado, jaro post jaro, de ĉiaj paroladaĉoj, ne allasas, nek akceptas, kaj nek kredas, ke *respubliko* nur estas forigi kaj forpeli dumvivan reĝon por starigi templimigitan prezidanton kun registaro « Petro », kiu anstataŭis registaron « Johano ».

Estas malfeliĉa laboro. En Hispanujo ja la vorto *respubliko* ĉiam estis simila, egala al furioze kontraŭreligia senordigo komunista, tiel en 1873 kiel en 1931, kiam la popolaĉo ne estas sufiĉe preparita por la ŝanĝo de reĝimo. Tion bone pruvas la nunaj okazintaĵoj.

Dio savu Hispanujon.

Ĉiuj katolikaj hispanoj, laŭ ordonoj de la Regas nepre laiciste sin establita reĝimo. La gravaj materiaj kaj kulturaj perdoj, kiuj dank' al senzorgeco de la registaro en ĉi tiu amplekso povis estiĝi — ili estas taksataj je *pli ol ducent milionoj* da bonaj pesetoj, ne enkalkulante la arthistorian valoron de multaj objektoj — estas ja nur la relumo de la per nova nepre laiciste sin establita reĝimo sur spirita-religia kampo jam entreprenitaj invadoj en la ĝisnunan centjaraĝan tradicion kaj konvinkon de la katolika popolo.

Plejgrave pezas la per plumstreko farita forigo de la religia instruado *kiel deviga lernfako* en la elementaj lernejoj kaj la degradado de tiu al nur neoficiala fako, flankelasante pluajn humiligajn cirkonstancojn de la sama dekreto pri ĉi tiu religia instruado. La *Gaceta del Norte* karakterizas la dekreton kun ĝia drakona aranĝo kiel neaŭditan atakon kontraŭ la religia libereco, la trafe komprenita libereco, tute ne la senbrida kaj ekstravaganca. En ĉi tiu dekreto sidas la tuta verko de la senkristanigo de la hispana



En Hispanujo, dum revoluciuloj brulegigas monaĥejojn, Generalo Queipo de Llano invitas la popolon respekti la Respublikon.

eklezian aŭtoritatoj, laboros por paco, ordo kaj justeco, por ĉio, kio ne estas kontraŭ religiaj moroj, helpante respublikan registaron por kontraŭstari komunistan movadon.

Reciproke, oni ne plu devas ofendi la religian senton de la hispana katolikaro per antikvaj metodoj de la Neronaj tempoj Romaj, kulpigante kristanojn ke ili estis bruligintaj.

Tio ne estas originala procedo.

Francisko M. Rua.

junularo. Estas tasko de la gepatroj kaj ne de la instruisto — kiel la dekreto intencas — decidi ankaŭ pri la neoficiala instruo. La dekreto estas torpedado kontraŭ la kristana konvinko, estas atenco kontraŭ la bazo de eminente kristana popolo. La dekreto montras ĉiujn ecojn de la sektanismo. La brulo de la multaj preĝejoj kaj monaĥejoj estas nur unu, sed ne miskomprenota ilustrado pri la laicista religipolitiko de la nuna registaro.

Rimarkinde terure furiozis la sakrilegiuloj en Sevilla. La famkonata katedralo, la gloro de Hispanujo, same kiel la plej konsiderindaj monaĥejoj de la urbo estis perforte elrabitaj, la religiaj kultobjektoj ĵetitaj sur la stratoj, la ĉefepiskopa rezidejo elrabita kaj ekbruligita, presbiteroj, kiuj provis malhelpi la krimojn, estas bastonitaj. El bultenoj de anglaj folioj elprenas la *N. F. Pr.* jenajn okazajojn.

Kiam multo da homoj enpenetris en la ĉefepiskopan konstruajon, la ĉefepiskopo — akompanita de la kanonikaro kaj de aliaj klerikuloj, en plena ornato, krucon levante — kontraŭstaris al ĝi. La multo ĉe la apero de la honorinda viro ne riskis pluen antaŭeniri, ĝis kiam juna viro sub obscenaj kriadoj lin per pugno puŝis en vizaĝon kaj bruston. Baldaŭ poste la konstruaĵo estis rabo de la flamoj, kaj la klerikaro devis forrapidi.

En la Karmela Preĝejo la en tuta Hispanujo famkonata statuo de la sankta Virgulino estas disbatita en milo da pecoj kaj la orgeno same kiel la famkonata kapelo forbrulitaj. En la preĝejo estis, kiam la sakrilegiuloj aperis, nur malmultaj preĝantoj, kiuj baldaŭ forkuris. Bando ŝiris la Mario-statuon el ĝia niĉo kaj unu propriĝis al si ties kapon, kiun li obscenkriante alten tenis. Subite li epilepsia timigan dolorkrion kaj sub gravaj epilepsiaj konvulsioj falegis surteren. Pro tio ekprenis la fipopolon timiga paniko, kiu igis rapidan forkuron. La malmultaj ĉeestantaj kreduloj surgenue dankpreĝadis. La sakrilegiulon, la kapon de la statuo ankoraŭ ĉiam firme ĉirkaŭpremante, oni trovis mortantan sub kolono. La sciigo pri ĉi tiu juĝofaro rapidege disvastiĝis en la urbo kaj ekscitis grandegan sensacion.

Pri la vandalaj agoj kontraŭ preĝejoj kaj monaĥejoj, ĉe kiuj centjaraĝaj artajoj estas detruitaj, diras *The Times* (London): « Dek teroristoj de la ekstrema maldekstro realigas sian volon pli ol miloj da pacamaj burĝoj, kiuj estas ne kutimintaj uzi forton. Sed estas tasko de registaro egala al tiu de Zamora, ŝirmi la pacamulojn, *ankaŭ se ili estus monaĥoj kaj monaĥinoj*. Indulgi la agadon de senbrida malplimulto *egalas al ŝtatbankroto!* »

J. L.

### La brulantaj monaĥejoj estas ilustrado de la laicista registaro!

El Madrid ni ekscias jenon.

Vere, tragika semajno! Ja, estas malantaŭ ni semajno riĉega je tragiko, kiu ĉion multe eklipsas, kio siatempe ĉe la Ferrer-tumulto estas travivita. *Pli ol 200 (ducent) preĝejoj kaj monaĥejoj* estas faritaj bruloferoj de la malmoralaj brulkrimuloj. Multaj el ĉi tiuj konstruajoj estas tute finbruligitaj kaj devas esti radikale renovigataj; aliaj estas grandparte difektitaj.

Kion do helpas, kiam nun poste la inspektoro de la komisiona por arthistoriaj monumentoj aperas sur la placo de la dezertigo kaj furiozega ruinigo, por esplori la malutilon?!

En Sevilla diris la inspektoro, ke la restarigo de la famkonata St. Josef-kapelo estas ebla kaj postulas la kunhelpon de la registaro. Iom post iom oni konsciiĝas, ke la lando dum malmultaj tagoj suferis grandegan perdon: bibliotekoj, arthistoriaj kaj historie valoregaj plastikaĵoj, pentraĵoj, skulptaĵoj, pra-originaj multvaloraj ŝtofoj flamiĝis. Kelkajoj estas eĉ neredoneblaj kaj tute ne takseblaj je valoro. Kulturhavajo en la plej nobla senco estas brute detruita.

La elementoj de la ordo salutis, ke flanke de la Sankta-Seĝo energia noto, apogita sur faktoj, kiuj ne toleras provojn de malfortigo, protestis ĉe la Madrida registaro kontraŭ la okazajoj, la malutiligoj, la difektado de la laŭkontraktaj leĝoj de Hispanujo kun la Sankta-Seĝo.

## El malantaŭ la ruĝa limo

**La sendiaj eldonajoj**

Laŭ freŝdata materialo mi povas informi vin pri la sendia gazetaro. En tuta Sovetujo aperas 21 ateistaj gazetoj; el ili 6 gazetoj estas redaktitaj en rusa lingvo, la 15 aliaj en




aliaj dialektoj. Ĝenerala elirnombro de la ateistaj gazetoj monate atingas proksimume kvar milionojn da ekzempleroj.

Se en la jaro 1929 la ateista libraro atingis 29 milionojn da presfolioj, en la jaro 1930 ĝi atingis 60 milionojn. Tiom grandan kvanton havas la ateista literaturo sole en la rusa lingvo. Krome aperas ateista literaturo en la aliaj naciaj idiomoj.

Vi komparu kun tiu ĉi sendiula eldonajaro la ekleziajn gazetojn. La Vivanta Eklezio eldonas monatan gazeton *Heroldo de la Sinodo*, kies eldonnombro atingis proksimume 4-5.000 ekzemplerojn pomonate. Kaj la Patriarka Eklezio, t. e. La Malnova Eklezio Ortodoksa, aperigas la *Gazeton de la Moksva Patriarko*, kies elirnombro atingas ĉiumonate 3.000 ekzemplerojn.

Ĉu la ekleziaj gazetoj povas sukcese refuti la ateistan agitadon per tiom malgranda kaj sensignifa materialo apologia? Kaj ĉu ne estas ankoraŭ mirege, ke la tuta popolo rusa ne estu jam sendiula?

Petroviĉ.

## La misiaj rezultatoj en Ĥinujo dum 1929-1930

La apostola delegitejo de Pekin lasttempe publikigis la statistikon pri la katolikaj misioj en Ĥinujo por la jaro 1929-1930.

Kiel sciite ĉi tiu jaro estis por la misioj de Ĥinujo jaro de malfeliĉegoj. Civila milito, rabado, malsato kaŭzis multajn mortojn kaj okazigis ankaŭ multnombrajn elmigrojn en multaj provincoj. Nemire do estas, se la nombro de katolikoj tie kaj tie ĉi malgrandiĝis. Sed male, estas tute mirege ke, en tiaj kondiĉoj, la nombro de la fideluloj en tuta Ĥinujo pligrandiĝis de 17.773. Sekve la katolikoj, kiuj en 1929 estis 2.472,619, estas nun, en 1930, 2.490.392.

La konvertiĝoj de plenkreskuloj kontribuis plejparte al tiu rezultato. Oni enskribis ja, en 1930, 50.109 konvertiĝojn. Tio denove pruvas, ke spite la ĉiuspecajn malfacilaĵojn, la apostolado estas senĉesa kaj ke ĝi rekoltis abundajn fruktojn, eĉ pli gravajn ol tiuj de 1929, dum kiu la konvertiĝoj ne superis 47.637.

La pastraro same plinombriĝis. La nombro de la fremdlandaj misiistoj kreskis de 2.011 al 2.092, t. e, pligrandigo de 81. La indiĝenaj misiistoj, anstataŭ 1.371, estas nun 1.446. Sekve estas pligrandigo de 75.

La kalkuloj pri la seminarianoj sekvas la saman progreson. Anstataŭ 1,462, la lernantoj disponaj al eniro en la Seminarion estas nuntempe 1.463; la malsuperaj seminarianoj, kiuj estis 2.465 en 1929, estas nun 2.745. La tuta enloĝantaro de la Superaj Seminarioj kreskis de 838 al 921, t. e. pligrandigo de 364. Fine diru ni, ke 242 el tiuj estontaj pastroj apartenas al diversaj religiaj kongregacioj.

Tiaj rezultatoj, trafitaj en periodo de konfuzo, ebligas antaŭvidi belan estontecon por la Eklezio de Ĥinujo, kiam tiu lando povos fine ĝui trankvilon. (*Agentejo « Fides ».*)


# KATOLIKA VIVO

DUSEMAJNA GAZETO INTERNACIA

DIREKCIO kaj REDAKCIO
10, Rue Pergolèse — PARIS-XVI

Telefono: Paris-Passy 06-30 aŭ Paris-Elysées 85-84
Telegrama adreso: Ramboux, Croibayar-Paris-86

La direktoro akceptas merkrede kaj sabate de la 14-a ĝis la 18-a, kaj laŭ interkonsento.

ADMINISTRACIO
10, Rue Pergolèse — PARIS-XVI

Poŝta ĉekkonto: Ramboux Georges, Paris nº 281.40

ABONPREZOJ:

| | jara | duonjara | kvaronjara |
|---|---|---|---|
| Por Francujo kaj ĝiaj Kolonioj . . fr. fk. | 30.— | 16,— | 8 50 |
| Por landoj kun rabata poŝttarifo . fr. fk. | 35.— | 18.50 | 9.75 |
| Por aliaj landoj fr. fk. | 40.— | 21.— | 11.— |

La abonoj komencas la 1-an de ĉiu monato.
Ĉiu abonanto al *Katolika Vivo* ricevas ankaŭ la monatan revuon ilustritan *Espero Katolika*.
La abono daŭras, se ni ne ricevas kontraŭmendon, kaj sekve ĝi estas tuj repagota.

Oni abonas aŭ reabonas:

1-e Rekte al la administracio de la gazeto, ĉu per nia poŝtkonto (Ramboux Georges, Paris nº 281.40), ĉu per naciaj bankbiletoj aŭ bankĉekoj, pageblaj en Parizo, sendataj en registrigita letero; ankaŭ per internacia poŝtmandato.

La posedantoj de poŝtĉekkonto en la sekvantaj landoj: Aŭstrujo, Belgujo, Ĉeĥoslovakujo, Danujo, Danzigo, Franca Okcidentafriko, Germanujo, Hungarujo, Jugoslavujo, Luksemburgo, Maroko, Nederlando, Saarteritorio, Svedujo, Svisujo kaj Tunizio, povas pagi per internacia poŝtĉektransigilo al franca poŝtĉekkonto nia.

2-e Pere de la enlandaj abonejoj ĉi-sube menciitaj, sammaniere aŭ per ilia poŝtkonto:

*Por Anglujo*: S-ro J. E. Hookham, 45, Holmesdale Road, en Teddington (Middlesex).

*Por Aŭstrujo*: S-ro Karl Dürschmid, Herrengasse 23, Graz. Poŝtkonto nº 122.791.

*Por Belgujo*: S-ro César Vanbiervliet, Audenaerdesteenweg 100, Kortrijk. Poŝtkonto nº 2289.27.

*Por Ĉeĥoslovakujo*: S-ro Fr. Kozel, Trebizského 474, Praha-Koŝire. Poŝtkonto nº 89.927.

*Par Germanujo*: S-ro J. Thomalla, Harsdoferstr. 7 k. Magdeburg-W. Poŝtkonto nº 9.728.

*Por Hispanujo*: Pastro Font Giralt, Seminario de Santa María del Collell, Gerona-Bañolas.

*Por Irlando*: S-ro H. McNiel Macauley, 1, Wellington Quay, Dublin, C. 4.

*Por Nederlando*: S-ro P. A. Schendeler, Prins Hendrikstr. 30ᵉ, en Eindhoven. Poŝtkonto nº 77.739.

*Por Polujo*: S-ro M. Janik, Ŝwierklany-Dolne (Rybnik). Konto P. K. O. 303.779, Katowice.

*Por Svislando*: S-ro Hans Finkel, Linsebühlstr. 4a, Sankt-Gallen.


## INFORMOJ EL LITOVUJO

**La 12 kaj 13 majo**

La 12 majo lasta en militista juĝejo oni komencis disputi proceson de ok studentoj katolikaj, kvar pastroj kaj du civiluloj. Ĉiuj akuzatoj akompanataj de siaj amikoj alvenis en la juĝejo je ĝusta tempo. Ĉiuj kvar pastroj estis vestitaj en sutanoj kaj ĉiuj ok studentoj en siaj korporac-uniformoj.

La akuzatojn defendas ok el la plej eminentaj litovaj advokatoj.

Pastroj estas akuzataj pro siaj predikoj kaj pro alvokoj al la socio. Por alvokoj tiucelaj ankaŭ estas akuzataj ĉiuj aliaj. Oni povas certe diri, ke ili suferas pro katolika agado kaj pro justeco.

La proceso estis disputita, laŭ ordono de la registaro, ĉe fermita pordo. Klare, la juĝistoj kaj naciuloj (registara partio) timis je socio, kiu nun estas tre malfavora al la registaranoj kaj naciuloj. Ĉar ĉiuj katolikoj volas liberecon kaj ĉiuj geloĝantoj foriron de l' diktatoreco.

La 13 majo vespere la tribunalo anoncis la decidon, laŭ kiu ĝi malkondamnas du pastrojn, du studentojn kaj du civilulojn.

Aliaj du pastroj kaj ses studentoj katolikaj estis kondamnitaj je tia puno: Pastro Ŝalĉius je monpuno de 2.000 lidoj (10 lidoj: 1 usona dolaro) aŭ je malliberejo de tri monatoj; S-ro Ŝtaŭpas (kiu jus revenis el la koncentriga malliberejo de Varniai), Pastro Zvinys kaj S-ro Masionis po 1.000 lidoj aŭ je du monatoj de malliberejo; S-ro K. Mockus je monpuno de 750 lidoj aŭ je unu monato kaj tri semajnoj de malliberejo kaj S-roj Labokas, Svetulevičius kaj Mikaila je monpuno por 500 lidoj aŭ je unu monato kaj tri semajnoj de malliberejo.

Tiaj kaj similaj okazoj en nia lando, kie malekzistas liberoj de l' preso kaj parolo, estas oftaj. Ĉar naciuloj regas kiel eble kaj kiel maleble. Ili volas kontraŭkatolikigi nian landon, kiu havis nomon « Sankta Litovujo ». Tamen katolikoj ne pereos, ĉar kun ili estas Kristo, kiu estas Vojo, Vereco kaj Vivo de l' mondo.

**La okazontaj Eŭkaristiaj kongresoj**

Malgraŭ persekutado de la katolikoj, en ĉi tiu jaro okazos kelkaj Eŭkaristiaj kongresoj en nia lando.

La 5, 6 kaj 7 junio okazos kongreso en Vilkaviŝkis, kaj la 11, 12 kaj 13 de ĉi tiu monato en Telŝiai.

Ignaco.

**Bone notu nian novan adreson!**

# La dramo de la Granda Kartusianmonaĥejo

*(Daŭrigo.)*

« Kiel oni povas elpeli personojn, kiuj havigas al ni tiom admirindan digestigilon », tia estis la rimarko atribuita, kelkajn jarojn poste, al afabla granda politikisto sidanta, je fino de festeno, kun en mano glaso da kartusiana likvoro, kaj ne dube estas, ke la fama patento estis unu el la ĉefaj konsideroj, kiuj influis la spiriton de tiuj, kiuj persekutis la elpensintojn de tiu likvoro. La monaĥejoj ne estas konfiskataj laŭdire « trafe maltrafe », kaj neniam mankas personoj aspirantaj riĉiĝi per malhoneste akiritaj havaĵoj. La bienajn posedaĵojn de la Kartusianoj en Francujo oni taksis je 5 frankaj milionoj, sed, kio ekscitis la monavidecon de iliaj malamikoj estis la valoro de la likvora patento. Tiu ĉi, al ni diris S-ro Poncet, estis, proksimume antaŭ dekdu jaroj, taksita je ne malpli ol 30 frankaj milionoj de kapitalista grupo tre deziranta ĝin akiri je tiu ĉi prezo. La Kartusianoj rifuzis tiun kontrakton kaj, kiel pli malfrue oni malkaŝe diris tion, se ili estus akceptintaj tiun proponon, ili povus por ĉiam resti en trankvila posedo de sia rifuĝejo.

La bedaŭrindegan historion de la likvido oni ne povus rakonti ĉi tie. Sufiĉas diri, ke la likvoro fabrikata de la likvidisto estis tiom malsupera ke, en malpli ol unu jaro, la monata konsumado malpliiĝis de 50.000 ĝis nur 3.000 boteloj kaj, kelkajn jarojn poste, la patento estis vendita nur 502.000 frankojn. Dum tiu tempo la monaĥoj daŭrigis en Tarragona (Hispanujo) la fabrikadon de la vera likvoro. Tiam la procesoj sekvis la skandalojn ĝis 1914, kiam Jean Jaurès mem, kiun neniu povas suspekti je religiemo, deklaris, kiel prezidanto de la enketa komisiono, ke la skandalo de la kartusianlikvoro estas « gravega afero ». Oni diras ke, eĉ hodiaŭ, la aferoj ne estas ankoraŭ tute klarigitaj. Eble la sola konsolo estas, ke neniu el la interesatoj realigis la esperitan riĉaĵon.

Apenaŭ malpli skandala estis la historio de la kartusianaj bienoj. Kion oni povis fari el tiuj vastaj kaj malproksimaj konstruaĵoj? Estis pruvite, ke organizitaj por la kartusiana vivado, estis neeble ilin adapti por alia celo, dume la enirpagoj de la vizitantoj montriĝis tute ne sufiĉaj por la konservado en taŭga stato. Dum kelka tempo oni penis por instali laktaĵo-lernejon, sed la lernantoj ne sin lasis allogi de tiom malvarma loko. Nur en 1912 la franca registaro, timigita de la skandalo de monaĥeja ruiniĝo, decidis ĝin klasigi kiel « historian monumenton » kaj sekve respondi pri ĝia konservado. Alie dirite, la lando nun pagas por fari kion la kartusianoj, malposedigitaj, de longe mem faris kaj multe pli efektive.

Depost la milito groteska projekto estis ekrealigita por utiligi tiujn lokojn kiel internacia domo por « laciĝitaj intelektuloj », sed tiu projekto dronis en ridindeco. Vere al la problemo estas nur unu solvo: la reveno de la Kartusianoj en sian monaĥejon, kaj dum la unuaj postmilitaj jaroj, tio estis facile plenumebla de iom energia registaro. Rimarkinde estas, ke neniu alia domo de la sama kongregacio iam ajn alproksimiĝis al la famo kaj pieco de la monaĥejo, kiu ĉiam eminente restis la « Grande Chartreuse », eĉ ne la alloga « Cartuja », je kelkaj mejloj de Burgos (Hispanujo), kun sia plaĉa blanka kapelo ornamita per skulptitaj tomboj; nek « Farneta » (Italujo), nun fariĝinta la centra-hejmo de la kongregacio, en sia gaja Toskana pejzaĝo; precipe nek la « Certosa de Pavia » (Italujo) mondfama, kies ekziston kiel monaĥejo malplivalorigis la amasiĝo de artaj trezoroj, jam de longe rigarditaj de la tutmondaj turistoj. Neniu el la multaj domoj, kiuj iam



La monaĥa manĝoĉambro en la Granda Kartusianmonaĥejo
(En ĝi estis tiam la framasonaj likvidantoj.)

kaj iam estis konstruitaj en Francujo ŝajnas esti atinginta tiel altan gradon de sankteco aŭ seninterrompeco. Nature al la Granda Kartusianmonaĥejo estis altirita tiu spirita eminentularo, al kiu la vivado en rigora izoleco faris la plej deziratajn promesojn kaj nun, kiam malaperis tiu « Chartreuse », estas strange pensi, ke en Anglujo protestanta, en la moderna Kartusianejo de Parmminster, nun la plej granda domo de la kongregacio, la izoleca vivado povas estis plej sekura kaj seninterrompa kaj la vera ofendo, kiun S-ro Combes suferigis al Francujo precize estas ĝin senigi je tia medio de preĝo kaj mistika scio.

Ke la Granda Kartusianmonaĥejo estis, tra la jarcentoj, grava aganto por civilizo en Dofinio, estas fakto nun plene konfesata. Estas la monaĥoj, kiuj plugebligis la arbarojn, konstruis la vojojn kaj pontojn, kulturis la senkulturajn terojn, bredis grandnombrajn ŝafarojn kaj brutarojn. Iliaj ferfandejoj kaj forĝejoj estis laŭdataj jam dum la XIII-a jarcento kaj pli poste, tiel ke eĉ la malamika Pascal rakontas, ke ilia fero estis el pli delikata hardeco kaj estis aĉetata je pli altaj prezoj ol kiu ajn fero en Sud-Francujo, dume iliaj spadklingoj estis famaj tra Eŭropo. Tamen la vera pravigo de la monaĥejo nature konsistas el la plenumo de alta spirita intenco en la vivo de la nacio kaj precize tiun vivon de senĉesa preĝo kaj sinofero ni povas ne rimarki. La vizitantoj atestas la belecon de la pejzaĝo kaj rakontas kelkajn pitoreskajn detalojn el la eklumoj al ili konsentitaj tra la ĉiutaga rutino, sed el la reala kaj kaŝita spirita vivo, tage kaj nokte vivata malantaŭ tiuj altaj muroj, ni ĝenerale konas absolute nenion.

Feliĉe du katolikaj verkistoj, unu el la lasta jarcento kaj la alia ankoraŭ vivanta, malkaŝis ĉiu unu parton de la vero por tiuj, kiuj sopiregis pli kompletan komprenon. Sen iu dubo, la plej akran esploron pri la mistika signifo de la emo de la kartusiana vivado oni trovas en la plej tragedia libro: « Le Désespéré » (La Senesperulo), de Léon Bloy, kiun multaj el ĝiaj konantoj diras esti aŭtobiografio. Estas malfacile kompreni kiamaniere tia lando, Francujo, kun klara kaj bonorda intelekto, povis produkti tiom mallogikan kaj senbridan genion, kia estis Bloy, tiom rigore malcedema estis tiu sincera kredanto, ke nenia sankteco povis lin kontentigi kaj sekve estiĝis malpardonema ribelo, ĉiam singarda kontraŭ ĉiuj malveraĵoj, ĉiuj mondumaj konvencioj kaj kontraŭ la putraĵo de la Pariza vivo vidita de malaltege, kiel Bloy estis devigita ĝin vidi. Tiu homo okaze pasigis kelkajn semajnojn en la Granda Kartusianmonaĥejo kaj tie trovis ĉion, kion serĉis lia spirita naturo. La bonfara silento, la, tagon post tago, celata realigo de la mistika vivo lin plenigis je admiro; sed, super ĉio, li trovis ĉe siaj amikoj la Kartusianoj, la al li tute mankantan trankvilecon. Li rapide komprenis, ke la ĉefaĵo de la religiula regularo konsistas el la longa nokta Diservo, senkompate duparte dividanta la dormhorojn; al profanulo ĝi montriĝas la plej malprudenta devigo, sed, por kiu ĝin akceptas, ĝi estas pli granda venko kontraŭ la homa naturo, ol kiu ajn alia ofero devigita de la regularo. Simpla vizito al la Granda Kartusianmonaĥejo malmulton malkovras, li diras, kaj « neniu povas atingi la fundon de la mistero, ne ĉeestinte noktan Diservon. Tie oni trovas la veran parfumon, kiu subite belegigas tiun severan rifuĝejon prezentantan tiom melankolian restadon al ĉiuj provizumantoj de piaj sentoj; kiam oni unufojon tion ĉeestis, oni komprenas, ke ĝis nun oni nenion sciis pri la meditema vivado. » (P. 139.) Kaj pri la ŝajna monotoneco de la kartusiana vivo li pliposte aldonas: « sub tiu regularo ŝajnanta tiom malmilda, tiom malvarma, post la barilo. de izoleco, oni povas distingi la glorojn de la vivo kaŝita en Dio... vivo de superabunda ĝojo, de ĉiela ebrio, de neesprimebla paco, de senfina varieco. »

En pli trankvila kaj modera spirito ol tiu de tiu alloga katolika verkisto, Emile Baumann, aŭtoro de « Job le Prédestiné » (Job la Antaŭdestinita), faris longan studon pri la kartusiana vivo, al kiu, dum sia juneco, li eksentis nedaŭran altiron, sekve de ekskurso al la Granda Kartusianmonaĥejo. Ĉie ricevita kiel amiko — en Miraflorés, en Calci, en Farneta, en la Valsainte — li havis la eblon observi la karakteron de la Kartusianoj, studi iliajn Regularon kaj Diservojn, koni samtempe la danĝerojn de izoleco kaj iagrade malkovri la sekreton de ilia sankteco kaj de tiu interna ĝojo radianta sur la vizaĝo de plejparto el ili. Tio helpis ilin kompreni la ekvilibron severe kaj zorge konservatan inter la izoleco kaj la komunuma vivado: la soleca dometo por la preĝo, por la dormo kaj por la manlaboro, sed ĉiumatene la meso komune en la preĝejo, la Diservo ĥore kantata, la manĝo komune, kun dimanĉe kaj festtage la « diskuto » kaj, unu fojon semajne la longaj promenadoj, al ĉiuj devigaj kaj dum kiuj estas permesate interparoli. La ĉefa rigoro de tiu vivo, li diris, estas la soleco, sed la vera celo estas la medito. « Perfekta meditemulo », en Calci, komprenigis al li kiamaniere ĉiu meditado fariĝas senutila, kiam animo posedas la seninterrompan senton de la dia ĉeestado. Tia sento lin akompanas dum la tuta tago, kia ajn estas lia okupo, ju



La armeo kunlaboras al la forpelo de la Kartusianoj



La perforta forpelo de la Kartusianoj




LA KARTUSIANOJ ESPERAS SIAN REVENON

pli li meditas, des pli la medito fariĝas facila. Por la novico, laŭ la regularo, estas rigore difinitaj okupoj por ĉiu horo. Neniam oni dum momento lin lasas al siaj propraj rimedoj, nek al la danĝero lasi vagadi siajn proprajn pensojn, kaj la direktolibro de Lia Monaĥa Moŝto Le Masson, fama estro de novicoj de la XVII-a jarcento, liveras eĉ la tekston, sur kiu estas konstruita la spirita ekzerco. Aliparte energia franca prokuroro diras al li, ke sen peniga manlaboro la ekvilibro de la penso estus malfacile konservebla.

Eĉ en kartusiana komunumo estas necese, li rimarkigas, agemaj kiel ankaŭ mistikaj naturoj. Esti enkondukita, li konkludas, en la intimecon de la kartusiana vivo, estas kontaktiĝi kun la fontoj de la mistika unueco.

Tiu simpatia klarigo pri la kaŝita vivo devus esti legata samtempe kun la lojala kaj indignita rakonto de S-ro Poncet pri la lastaj eksterlandaj okazintajoj. La kartusiana vivo certe daŭros en aliaj lokoj, kiel nobla kaj malfacila inklino por maloftaj animoj; sed, kiel malgaje rimarkigas S-ro Baumann, kongregacio, kiu dum jarcentoj estis unu el la spiritaj gloroj de Francujo, fariĝos pli kaj pli nefranca.

En sia ĉarma libro « France et Rome », Louis Madelin montras ke, en ĉiuj siaj diskutoj kun Romo, Francujo iam klopodis por siaj rajtoj kiel « preferata filino », iom obstina, kiu tamen neniam havis seriozan deziron rompi kun respektata patrino kaj ĉiam havis la intencon resti en katolika tradicio. Kontraŭe la kontraktrompo de la Tria Respubliko estis interkonsiliĝita nuligo de la politiko de Francujo dum la jarcentoj, efektivigita de nekatolikaj riprezentantoj de la popolo. Ankoraŭ pli: la longe diskutita kaj senkompata dispelo de la religiaj kongregacioj submetitaj al la Leĝo pri la Asocioj estis kontraŭkatolika ago, iuflanke ankoraŭ multe pli evidenta ol la fortega malpia uragano de la franca Revolucio, kiu estis parto de granda popola ribelo kaj kies politiko estis rapide nuligita de Napoleono, je lia alveno al la regado, kiel necesa unua paŝo al la nacia repaciĝo. La fundamenta katolikismo de la franca nacio neniam estis pli klare pruvita ol per la vere miriga rapideco, kun kiu la Eklezio, dum la duono de la XIX-a jarcento, reakiris la perditajn akirojn. Nuntempe ne estas montro de tiel rapida reintensiĝo. La franca popolamaso multe bezonas rekonvertiĝon, tute kiel la nekatolikaj nacioj, kaj la fosaĵo, kiu ĝin disigas de la malplimulto de vere kredantaj katolikoj, inklinas fariĝi pli profunda kaj pli daŭra. Tial la fermo de la Granda Kartusianmonaĥejo, kun ĝiaj mil jaroj de spirita vivo, estas samtempe signo de religia malfortiĝo kaj baro starigita kontraŭ tiu kristana renaskiĝo, kiun devas deziri ĉiuj amikoj de Francujo.

Tradukis el *La République de l'Isère*
A. PLOUSSU.

## LETERO EL ĈEĤOSLOVAKUJO

### Jubibeo de katolika altlerneja studentaro

La jaro 1931 estas jubilea jaro por ĉeĥa katolika altlerneja studentaro. Ili prifestas la 25-jaran datrevenon de du katolikaj studentaj societoj nome: « Česka liga akademieka » (Ĉeĥa ligo akademia) en Praha, kaj « Moravan » (Moraviano) en Brno. La jubileo estis inde komencita per multnombra studenta pilgrimo al la centro de katolikismo, al Romo, okazinta komence de aprilo. Tie el la buŝo de la anstataŭanto de Kristo, la Papo Pio XI-a, la studentaro aŭdis kuraĝigajn vortojn pri la sanaj fundamentoj, sur kiuj staras ilia verko, kaj instigojn, ke ili persistu sur la vojo ĝis nun irita. La forpasintaj 25 jaroj estis tempo de fervora laboro religia kaj organiza, do tial nemirinde, ke la jubileo vekas intereson de ĉeĥoslovaka katolika publiko.

### Kristana ĉeĥa laborista sindikato en Bohemio

Dimanĉon la 19 aprilo pasinta, okazis en Praha ĝenerala kongreso de ĉeĥa kristana laborista sindikato en Bohemio.

La kongreso deklaris kelke da gravaj postuloj per kiuj helpe de la ŝtato, oni povas malgrandigi la katastrofan senlaborecon. El la nomitaj deklaroj ni citas jenon:

1. Mallongigo de la labortago. La nuna labortempo per la uzo de teknikaj eltrovajoj kaŭzas superfabrikadon. Mallongigo de labortago envicigus la armeon de senlaboruloj en la laborprocedon.

2. La leĝo pri subtenoj al la senlaboruloj estu arangita kiel deviga, kaj la okupantoj kun la ŝtato helpu.

3. Aranĝo de unueca leĝaro de laboro, devigeco de kolektivaj intertraktoj inter labordonantoj kaj laboristoj, plue speciala laborjuĝejo arbitracia.

4. Leĝe estu kristanaj festoj rekonataj kaj deklarataj kiel tagoj nelaboraj.

5. Deviga aneco de la laboristaro al la fakaj sindikatoj kaj cetere.

El la kongresa raporto ni scias, ke la ĉeĥa sindikato en Bohemio konsistas el 6 fakoj kaj nombras 27.061 anojn.

Dum la pasinta jaro la sindikato aranĝis en sept urboj socialajn kursojn, multe da informajn kunvenojn kaj 54 grandajn proteskunvenojn kontraŭ la persekutado de kristanoj en Ruslando.

### Laboro de la Societo Sankta-Rafaelo

Tre meritplenan, kaj per ŝtataj organoj rekonatan laboron faras la Societo Sankta-Rafaelo en Praha, por la katolikaj elmigrantoj el Ĉeĥoslovakujo. La celo de la societo, kiun post la mondmilito renovigis jam mortinta kanoniko D-ro Hanuš en Praha, estas praktike helpi la elmigrantojn. La Societo havas 1.037 anojn kaj sian zorgon faras per la subtenoj de katolikaro kaj ŝtato. Ĝi havas vastajn rilatojn kun la similaj organizoj en grandaj eŭropaj havenurboj kaj en landoj ekstereŭropaj. La Societo havas sian oficejon en la elmigra stacio en Praha. Ĉiu elmigranto trairanta la stacion, ricevas specialan legitimacion kun la listo de katolikaj similaj organizoj kaj katolikaj pastroj en eksterlando, al kiuj li sin povas turni en okazo de bezono, por ke li ne falu en la manojn de senkonsciencaj kaj malbonaj homoj.

FRANCISKO KUDRNA.

**Propagandu ĉien nian gazeton**

# Letero el Hungarujo

### Lia Papa Moŝto al la Hungaraj piaristaj studentoj

Pio XI-a lasttempe akceptis en aparta aŭdienco la studentojn de la piarista gimnazio el Budapest, kiuj kun Johano Walter, asistanta generalo, Georgo Balanya, Johano Karl kaj Josefo Kiss, profesoroj, pilgrimis al Romo. La Sankta-Patro pli longan paroladon faris itallingve al la pro feliĉo kortuŝataj studentoj, kaj inter la ceteraj diris: « Korege Ni akceptas ĉiam la hungarojn, kaj korege Ni akceptas vin, hungaraj piaristaj studentoj, kaj la de vi oferitajn florojn, kiuj estas viaj simboloj: simbolo de via pura vivo. Pro la glora historio de Hungarlando Nia koro ĉiam ĝojas se hungaroj venas al Ni. Sed Ni konas ankaŭ persone la patrujon de la hungaroj, ĉar dum niaj vojaĝoj Ni jam vizitis ĝin, kaj sekve, kiel malnovajn konatulojn, Ni salutas ilin ĉi tie en Romo. Estu konvinkiĝintaj la hungaroj ke eĉ hodiaŭ ili estas proksime al la koro de la Papo. »

### Jubileoj

Liaj Episkopaj Moŝtoj Antonio Fetser, el Györ, la 25-jaran, kaj Gyula Glattfelder, el Szeged, la 20-jaran datrevenon de siaj episkopigoj jubileis en aprilo. Okaze de tiu ĉi, ili estis entuziasme festataj.

### Malofta jubileo

Antaŭ kelkaj semajnoj oni festis en la I-a Universitata Okulkliniko en Budapest la 40-jaran jubileon de tiea flegistino Emma Greszler. Menciinde estas, ke la malsanuloj kaj kuracistoj donacis al ŝi nur religiajn memorajojn, kiu fakto pruvas, ke malgraŭ ke ŝi ne estas monaĥino, tamen en religia spirito laboradis dum 40 jaroj. Eĉ aliel ne estus estinta eble, ĉar tiel longan tempon servadi la malsanulojn, honeste kaj kontentige, oni povas nur per la helpo kaj beno de Dio.

### Ĥina etnografia kaj arta ekspozicio de Misiistoj en Pécs

En la nuntempa ĝisfunde renversita vivo, la plej multe da atento estas altirata al gravaj malpli gravaj aferoj: politiko, scienco, ekonomia krizo, patriotismo, tekniko. La homo flugas supren, tre supren, sed tamen ne tiel supren ke povu alproksimigi la dian tronon; alia homo malleviĝas en la profundajon, sed ne konas la profundecon de sia propra koro. Kongresoj, konferencoj pritraktas demandojn, problemojn laŭ ili gravajn, sed efektive tiajn, kiuj certigas bone malpli bone nur la mallongan surteran vivon.

Dume la plej grava afero de tutmondo ne estas sufiĉe priatentata, — ke 2/3 partoj de la homaro « vagadas ankoraŭ en la ombro de morto ». — Feliĉe nia Sankta-Patro eĉ ne unu minuton forgesas tion, kaj eldonas kaj reeldonas la ordonon de Kristo: « Instruu la Evangelion al ĉiuj nacioj! » Ĉi tiun papan ordonon estis ekaŭdintaj la hungaraj Jezuitoj kaj Franciskanoj, kaj sendis siajn filojn al malproksima oriento, al Ĥinujo, por semi la dian semon inter la idolanoj. Jaroj pasis kaj la semoj falis en bonan teron, ĉar ili jam alportas la centoblan frukton. Por ke ĉi tiuj fruktoj atingitaj per longa, laciga kaj sindona laborado, estu konataj ankaŭ ĉi tie, hejme, la hungaraj Jezuitaj misiistoj el Ĥinujo hejmensendis diversajn objektojn, fotografaĵojn, desegnaĵojn, pentraĵojn, manlaboraĵojn kaj multajn aliajojn, kiuj en kadro de misia ekspozicio estis prezentataj de la 12 ĝis la 19 aprilo en la granda ĉambrego de la domo de « Virina Unuiĝo » en Pécs.

La ekspozicion malfermis Lia Episkopa Moŝto Francisko Virág, en ĉeesto de eklezioj eminentuloj kaj multaj interesiĝantoj, per entuziasma edifa parolado. La tuta misiista ĥina animo disvolviĝis antaŭ la rigardanto. Oni unuflanke miregis pri la superstiĉemaj subpremeblaj idolanoj: kaj aliflanke admiris la heroecon kaj sindonadon de la misiistoj, kiuj tiel multe da malfacilaĵoj devas kontraŭbatali. Sed ili ne cedas, ĉar ili devas venki. Eĉ venkas, pruvas la nombrego de baptitoj.

La ekspozicio estis dum tuta semajno amase vizitata, kaj Pastro Alojzio Tüll, Jezuito, la aranĝanto de la ekspozicio, ĉiutage mem gvidis la vizitantojn kaj diris klarigantajn paroladojn. Du prezentadoj ankaŭ estis aranĝitaj dum la ekspozicio-semajno, en kies programo, inter la ceteraj, oni kantis *Ave Maria* en ĥina lingvo.

La ekspozicio en aliaj hungaraj urboj ankaŭ estas prezentota, por servi la celon: konigi la misi-agadon kaj entuziasmigi la homojn por helpi ĝin morale kaj materiale.

### La Hungara Ministro por Kulto pri la monaĥinoj

Grafo Kuno Klebelsberg, ministro por la Kulto, pasintan monaton, faris prezentadon en la Centra Katolika Rondo en Budapeŝto. La ŝtata direktanto de la hungaran kulturon maloftan temon elektis por sia prezentado: li parolis pri la monaĥinoj, kaj eldiris, ke la instruantaj monaĥinoj ĉiam la ĉefan kolonon donis en la hungara civilizacio.

Grafo Klebelsberg kun libro, permane skribita, en sia mano paŝis apud la tablon. Tiu ĉi libro estas unu el la plej malnovaj memorajoj de la hungara literaturo: legendolibro, kiun antaŭ multaj jarcentoj kopiis zorgeme hungara monaĥino: Lea Ráskay.

La ministro per historiaj notoj elmontris, ke la monaĥinoj jam de antaŭ multaj jarcentoj estis la unuaj faktoroj, post la pastroj, en la civilizado de la hungara nacio. Bedaŭrinde, daŭrigis li, ke la turka invado kaj Reformacio neniigis la monaĥejojn, sed en la XIX-a jarcento multaj monaĥinordenoj estis kolonizitaj en Hungarujon. Sian paroladon per la sekvantaj vortoj li finis: « Se oni jam depost dek jaroj ekzercas la potencon tiam antaŭ si konsumiĝas la esperoj, kaj post si amasiĝas la trompiĝoj, oni per aliaj okuloj rigardas la aferojn kaj faras la bilancon. Kaj se mi la bilancon rigardas, povas konstati, ke malmultajn tiajn kulturajn valorojn mi vidis sur la tereno de hungara kulturo, kiuj havus tiom da morala kaj pedagogia valoro, kiom la hungaraj monaĥinoj havas, kiuj por mi ĉiam la plej ŝatataj laborkunuloj estis. »

### La unua hungara mortinto de la Ĥinaj Franciskanaj misiistoj

En la Ĥinaj misioj tri Hungaraj ordenoj funkcias jam: la Jezuitoj, la Franciskanoj kaj la Lernejfratulinoj de Kalocsa.

El ili la Lernejfratulinoj donis la unuan viktimon: la sano de unu fervora fratulino en la malfacila laboro difektiĝis kaj ŝi mortis. Pasintjare Pastro Gábor, Jezuito, iris en la ĉielon. Kaj nun pri la morto de unu Franciskano alvenis la sciigo.

Fratulo Szabin Schelbi — kiu apenaŭ antaŭ unu jaro iris tien, ke sian vivon dediĉu por konverti la Ĥinojn — post mallonga suferado en la misihospitalo de Hankaŭ mortis.

La 30 marto li estis entombigita en ĉeesto de tuta misiistaro de Hankaŭ. Li estas la unua viktimfloro de la ĥina hungara franciskana misio.

### Malofta jubileo

Msro Ludoviko Szmrecsányi, ĉefepiskopo en Eger (Supra Hungarujo), en aprilo fariĝis 80-jara. Okaze de tio ĉi, lia tuta eparĥio entuziasme festis lin. La maljuna ĉefpastro je konsilo de sia kuracisto nun vojaĝis al eksterlando por ripozi.

### La jubileo de « Rerum Novarum »

Antaŭ 40 jaroj eldonis la granda Papo Leono XIII-a sian faman enciklikon pri la laborista demando. Por ke ĝia enhavo estu konata de ĉiuj socioj kaj klasoj simile al aliaj urboj, la Kristan-Socia Unuiĝo en Pécs dum kelkaj prezentadoj klarigis ĝin; la prezentadoj estis aŭskultitaj de multoj el diversaj socioj. La prezidanto de la Unuiĝo, Kapelano Ludoviko Geosits, multe sin okupas pri laboristaj demandoj kaj senlace agadas en la intereso de ili.

HELENO FIEDLER.

**KATOLIKA VIVO**
DUSEMAJNA GAZETO INTERNACIA

Anonc-Oficejo:
**10, Rue Pergolèse**
**Paris-XVI**

Poŝta ĉekkonto:
**Ramboux Georges, Paris nº 281.40**

ANONC-TARIFO:

| | | |
|---|---|---|
| Unu tuta paĝo | fr. fk. | 750.— |
| 1/2 paĝo | — | 420.— |
| 1/4 paĝo | — | 250.— |
| 1/8 paĝo | — | 150.— |
| 1/16 paĝo | — | 90.— |
| Anoncetoj, la linio | — | 5.— |

La anoncoj estas kutime pagotaj samtempe kun la mendo.
Ni konsentas rabaton 10 % por 12 sinsekvaj kaj samtekstaj anoncoj, kaj 20 % por 24 anoncoj.

## LETERO EL SLOVAKUJO

**La manko de speciala katolika laborista organizaĵo ĉe ni**

Jupli orienten, des malpli civilizataj popoloj, sed des pli proksime al la « ruĝa limo ». Ankaŭ nia nacio ne estas tiel pleninteligenta kiel la nacioj okcidentaj. Do estas komprenebla fakto, ke tia ideo, kia estas la komunismo trovas ĉe ni multnombran anaron ne nur inter la malnobla tavolaro sed ankaŭ inter la pli bona, kompreneble inter la juda. Tio estas, ke komunismo apelacias ne al la racio kaj koro sed senpere nur al stomako. Al tio ĉeestas ankaŭ la malsperteco de popolo. Tial ne estas maloftaĵo, ke la demonstranta laboristaro kun senlaboruloj kriis ĉe ni, en Trnava, antaŭ la urba domo : « Ni ne volas labori, donu al ni monon ». Jen karakteriza produktaĵo de komunismo ! Sed tiea procedo vekas nur ridon kaj ridetojn.

Sed tion oni povus en ĉio antaŭiri, se ni havus memstaran katolikan organizaĵon laboristan, kiuj estas ekzemple en Germanujo. Sed nia inteligentaro ne volas ankoraŭ kompreni, ke laboristo ne devas esti sendiulo kaj malamiko de Katolikismo. Nia inteligentaro, kiu unike sin mem konsideras kiel katolika, ne iras renkonte al laboristo, kiu ĝis nun aŭdis nur ion de falsaj profetoj. Tiel ĉi tie kontraŭstaras du ekstremaj tendencoj — la pli riĉa kasto de inteligentoj kaj la malriĉa kasto de blindigitaj, malklarigitaj laboristoj. Nia slovaka popolo neniam konis socialismon (kaj li estadis kontenta), neniam konis komunismon.

Tial estus bezona ia organizaĵo, kie unuiĝus inteligentaro kaj laboristaro en Kristo. Tio povas esti nur tia societo, kiu estas « Societo de katolikaj laboristoj ». Ĉar kiu iras en nomo de Kristo, tiu iradas de koro al koro kaj enverŝigas al homaro kredon, ke oni estos pli bona. Ĉar kiu ne havas kredon, ne povas ion atendi. Oni devas konvinki ke la nomo « laboristo » estas belega kaj honesta ; oni devas konvinki inteligentaron kaj laboristaron, ke la rikoltilo kun martelo povas ekzisti sed ankaŭ kun la kruco. Jam estas tempo labori kaj fondi tian organizaĵon, kiu paralizos la mankojn de nia vivo.

Ni havas organizaĵon « Sdruzenie muzov Bozského Srdca Jezišovho » SMBS-Societo de viroj de Dia Koro de Jesuo, sed tiu estas organizaĵo pure religia. Ni bezonas ion fakan, por ke ni ekkaptus laboristaron, kiam estas ankoraŭ tempo. Se estas granda intenco fondi katolikan laboristan organizaĵon, ne ekzistas homo, kiu riskus iri inter la laboristaro, kiu estas laŭ konstato 90 % katolika. Ĉiu timas sed ne pripensas, ke la demonstraciojn devas pagi la mezaj kastoj kaj, se okazus revolucio, denove toleros ĉiom la mezaj kastoj. Kapitalo estas ĉe ni en tute aliaj manoj ol en katolikaj.

Tial mi petas la legantojn de ĉi tiu artikolo, kiuj konas institucion de katolika organizo laborista aŭ ili mem iun direktas ke ili bonvolu sendi al mia adreso (Trnava, Slovakujo-ĈSR, Okresny dom.) regulojn kaj informojn pri la interna konstruado de tieaj organizaĵoj. Ankaŭ ĉe ni oni volas labori en tiu direkto sekvante la spiriton de katolika universaleco. Mi pensas, ke precipe la Germanoj en suda Germanujo montriĝas per tieaj societoj. Se mi trovos tian senditon, mi estos dankema.

PAŬLO BENOVSKY.

## Ĉu Nederlando estas nacio protestanta ?

Jes, vere oni aŭdas de tempo al tempo tiun sentencon, eĉ en la Parlamento.

La lasta elekto por la Provinciestraj Konsilantaroj donis jenan rezultaton : procente 30 katolikoj, 46 nekristanpolitikuloj, *do ne pli ol 24 procentoj por la kredantaj Protestantoj*, dispartigitaj en du relative grandaj kaj du aliaj relative nur etaj partioj.

*Nun oni juĝu mem pri ĉi supra « tezo », kaj klopodu ne ridi, kiam ree oni ĝin renkontos.* La katolikoj bone firmtenis rilate al la nombro de l' voĉdonoj, kaj tio malgraŭ la ekspluato de l' malkontento en laboristaj rondoj pro la ekonomia krizo.

En ĉi supra procento 46 estas entenata la procento 23 por la socialistoj, kiuj kune kun komunistoj gajnis, koste de aliaj nekristanpolitikuloj : Ligo de Libereco, Liberal-Demokratoj kaj Ligo de Agrikulturistoj.

Konsolige vere estas, ke entute pli ol la duono de l' tuto estas *por* kristana politiko.

FR. FLORIANO.



## Misi-novaĵo

Pastro Leono, naskita Pieter Kierkels, generalo de la kongregacio de la Pasianoj, estis jus nomita de la Sankta-Seĝo apostola legato de Orienta Hindujo kaj altigita je la ĉefepiskopa indeco kun la titolo de ĉefepiskopo de Salamina.

La nova legato naskiĝis en Baexen (Nederlando), la 12 decembro 1882 ; li faris siajn studojn en Kortrijk (Belgujo). Post lia presbiterigo, la 22 decembro 1906, li daŭrigis siajn studojn en Romo.

Ĝis 1915 li estis profesoro pri filologio kaj teologio ; tiam li igis ĝenerala sekretario de sia kongregacio.

Msro Kierkels scipovas, krom sia patra lingvo, kiu estas la nederlanda, ankaŭ la anglan, francan, hispanan, italan kaj germanan lingvojn.

Estas precipe pro lia singardemo kaj takto, ke li estis elektita por tiu grava ofico.

Kiel apostola legato en Orienta Hindujo, Msro Kierkels riprezentos la Papon ĉe 3.500.000 katolikoj.

CESAR VANBIERVLIET.



## EL FRANCUJO

**Internacia kongreso de kristanaj ministoj**

Okazis en Strasbourg, de la 18 ĝis 21 majo, internacia kongreso de kristanaj ministoj.

La riprezentanto de la nederlanda organizaĵo la laŭtlegis raporton pri eblaj akcidentoj en minejoj. S-ro Henri Meck, deputito, ĝenerala sekretario de la Franca Federacio de la Profesiaj Sindikatoj ministaj, pritraktis la demandon de la sociaj asekuroj. Aliaj raportoj estis ankaŭ prezentitaj pri diversaj temoj metiaj.

Sekve la kongresanaro voĉdonis kelkajn deziresprimojn pri internacia reguligo de la karbon-industrio, pri la redukto de la labortempo, pri unuigo de la salajroj kaj pri internaciaj aranĝoj starigantaj reciprokecon por sociaj asekuroj. La kongresanaro ankaŭ esprimis, ke la mastroj respektis la homan indecon de la laboristo kaj prizorgis antaŭforigajn rimedojn kontraŭ la akcidentoj.

Dum la kongreso estis reelektita la Komitato, al kiu apartenas S-ro Imbusch (Germanujo), S-ro Buggenhout (Belgujo), S-ro Meck (Francujo), S-roj Pelzer kaj Stins (Nederlando), S-ro Kot (Pollando), S-ro Rohaly (Hungarujo) kaj S-ro Kuhnen (Saar-teritorio).

**Viandistoj en la baziliko de Montmartre**

Jen ankaŭ signo de la katolika renesanco en Francujo. Kiu ja pensis, antaŭ kelkaj jaroj, vidi la bazilikon de la Plejsankta Koro de Jesuo, en Parizo, tute plenan de viandistoj de Parizo kaj ĉirkaŭaĵoj. Tio tamen okazis iun lundon antaŭ nelonge. Ili venis multnombre en pilgrimo al la nacia baziliko, por ĉeesti meson speciale celebritan por ili kaj aŭdi elokventan predikon de Pastra Dieux pri la karitatan unuiĝon de la mastroj kaj laboristoj en ĉiuj profesioj, ankaŭ en ilia metio. Viandistoj legis solenan dediĉon al la Plejsankta Koro de Jesuo je la nomo de liaj samprofesianoj. Kaj nun ĝis la venonta jaro, ĉar ja ili promesis reveni je la sama dato en pilgrimo al Montmartre.

G. O.

*Kun la permeso de la eklezia aŭtoritatoj.*


Respondeca Redaktoro (*Gérant*) : Th. MERVILLE.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e. - Gob. 62-71






*organizu ponumeran vendadon de nia gazeto en via urbo !*



Tiucele ni sendas al unu sama adreso :

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| 5 ekz. | kontraŭ | pago de | fr. fk. | 5.— |
| 10 | — | — | — | 9.— |
| 25 | — | — | — | 20.— |
| 50 | — | — | — | 35.— |
| 100 | — | — | — | 60.— |

Sendu mendojn kune kun mono al nia Propagand-Oficejo : 10, rue Pergolèse, Paris-XVI. — Poŝta ĉekkonto : Ramboux Georges, Paris no 281.40.

# Katolika Vivo

informiga gazeto internacia

**Adresu**

ĉion por la redakcio kaj administracio al

**Katolika Vivo**

10, Rue Pergolèse, Paris-XVI

poŝtmandatojn kaj bankĉekojn je la nomo de nia direktoro :

Pastro Georges RAMBOUX


## Grava sociala Asocio de la katolika junularo

### Internacia Kunveno de la Katolika Junmetiista Uniiĝo en Köln

La famkonata Rejnlanda ĉefurbo Köln estas la centrejo de katolika sociala asocio, kies graveco por tiuj landoj, kie ĝi havas siajn uniiĝojn kaj membrojn, ne facile povas esti troigata. Tio estas la Katolika Junmetiista Uniiĝo, la admirinda fondo de Pastro Adolf Kolping, kiu en la mezo de la pasinta jarcento estis unu el la grandaj apostoloj de Eŭropo. Kaj jus nun ĉi tiu uniiĝo faris gravan paŝon antaŭen : la 14-17 majo kunvenis je la

Kolping-monumento en Köln

unua fojo ĝia Ĝenerala Senioraro, internacia komitato de junaj laikaj gvidantoj, kiuj depost nun komune kun la Ĝenerala Konsilantaro de la pastraj gvidantoj havos la superan respondecon pri la evoluo de la tutmonda movado. Ni profitu la okazon, por iom paroli pri la uniiĝo.

Pastro Kolping, kies beatiga proceso estas kuranta kaj kies tombo en la Preĝejo de la Minoritoj en Köln estas la celo de la pilgrimado de nenombreblaj migrantaj metiistoj kaj laboristoj, estis mem estinta malriĉa ŝuisto, antaŭ ol la voĉo de Dio vokis lin kaj faris lin pastro kaj animprizorganto de siaj antaŭaj kolegoj en la mizero. Por ili li kreis sian uniiĝon kaj multe da domoj, kiuj volas esti hejmoj por tiuj, kiuj estas malproksime de siaj gepatroj aŭ de sia patrolando. Kiom da bono jam estas farita per tiuj domoj! Kaj la junuloj estas perfekte pravaj, kiam ili kantas antaŭ la tombo de la Minorita Preĝejo : « Li malfermis al ni sian domon kaj vokis nin, volis esti pli por ni ol patro kaj patrino. »

Kaj la institucio de Kolping ne lasis sin reteni per naciaj kaj lingvaj limoj. Jam inter la unuaj uniiĝoj fonditaj per Adolf Kolping mem kaj lia amiko Gruscha, kiu pli poste fariĝis Kardinalo-Ĉefepiskopo de Wien, estis Köln, München, Berlin, Wien, Praha, Budapest, Zagreb, Basel, Zürich, do ses landoj laŭ la nuna geografio. Estas vere, ke ĝis nun la germana elemento havas certan hegemonion, tamen ni ne forgesu, ke laŭ la nombro de la lokaj uniiĝoj kaj membroj Nederlando (kun 10.000 membroj) kaj Hungarujo (kun 6.000 membroj) venas tuj post la germana asocio (65.000). En la tuta mondo la Kolping-Familio kalkulas nun 2.100 lokajn uniiĝojn kun 125.000 aktivaj membroj en 15 eŭropaj kaj 5 amerikaj landoj ; individuaj membroj ekzistas preskaŭ en ĉiuj partoj de la mondo. La Uniiĝo posedas pli ol 500 proprajn domojn, kiuj parte estas grandegaj hejmoj por enurbaj kaj tramigrantaj membroj. Dekduo da revuoj estas publikigata en germana, angla, nederlanda kaj hungara lingvoj sed ankaŭ aliaj lingvoj (inkluzive Esperanto) jam estas uzitaj en la gazetoj. En la pli grandaj urboj la uniiĝoj posedas ankaŭ Esperanto-grupojn.

La evoluo de la praktika efikeco kaj interna forto iris paralele kun la eksteraj progresoj. En 1921, dum la ĝenerala kunveno de Köln, nova programo estas akceptita, kiu klarigis la celojn kaj pedagogiajn principojn de la asocio : ĝi volas formi bonajn kristanojn, bonajn majstrojn en la diversaj profesioj kaj bonajn ŝtatanojn kaj familiopatrojn. En 1926 nova statuto donis la voĉdonrajton en la ĝeneralaj kunvenoj, kiun ĝis tiam nur havis la pastraj gvidantoj, ankaŭ al la delegitoj de la membroj. En 1927 okaze de granda internacia kongreso en Wien oni proklamis la idealojn de la familio, de la demokrateco kaj de la internacia paco, kiuj de tiam estas la batalvoko de la Kolping-familio en la tuta mondo. En 1930 oni decidis, ke ankaŭ en la plej alta internacia gvidado de la movado staru apud la Ĝenerala Konsilantaro de la pastroj laika komitato, nome la Ĝenerala Senioraro.

Kaj ĉi tiu Ĝenerala Senioraro nun kunvenis je la unua fojo en Köln kune kun la Ĝenerala Konsilantaro. La kunsidoj okazis en la nova ĝenerala sekretariejo, grandega konstruaĵo en plej moderna stilo, kiun oni eĉ nomis « la plej moderna domo de Köln ». En sia salutletero okaze de la inaŭguro de la domo en la pasinta jaro la Sankta-Patro ja estis skribinta : « La agado de la Junmetiista Uniiĝo en la spirito de ĝia fondinto estas nuntempe tiel oportuna kaj tiel necesa, ke oni povus kredi, ke ĝuste al nia tempo Kolping volis donaci sian fondaĵon. »

En la laborkunsidoj oni pritraktis gravajn problemojn de la nuntempo. Komence la pastra ĉefgvidanto kaj posteulo de Patro Kolping Msro Theodor Hürth paroladis pri la sekvoj de la lasta ĝenerala kunveno, speciale pri la signifo de la nova Ĝenerala



La nova ĉefsekretariejo de la Katolika Junmetiista Uniiĝo en Köln

Senioraro. Feliĉe el 9 landoj (Aŭstrujo, Belgujo, Ĉeĥoslovakujo, Danzig, Germanujo, Hungarujo, Nederlando, Svisujo, Usono) la delegitoj estis venintaj por ĝia unua grava internacia kunveno. — La juna asocia sekretario kaj deputito en la germana parlamento (Reichstag) August Winkler paroladis pri la politika realigo de la postuloj de la Internacia Manifesto de la Katolika Junmetiista Uniiĝo, do rilate la protekton de la kristana familio, la realigon de la vera demokrateco kaj de la internacia paco, kaj el la aliaj landoj oni aŭdis tre interesajn raportojn pri la sama temo, kiuj pruvis, ke la Junmetiista Uniiĝo ne kontentiĝas pri belaj ideoj, sed laboras energie kaj sukcese por la praktika efektivigo de siaj altaj idealoj. — La dua tago estis dediĉita al ekonomiaj kaj socipolitikaj problemoj. Asocia sekretario Franz Poschmann paroladis pri la internacia migrado kaj laborperado en la Katolika Junmetiista Uniiĝo, donante interesan skizon pri la nuna situacio de la laboreblecoj en la diversaj landoj. En la diskutado oni decidis la starigon de nova internacia interŝanĝa servo por junaj metiistoj kaj laboristoj. — Pri la Internacia Labor-Oficejo kaj ĝia signifo por la Katolika Junmetiista Uniiĝo paroladis D-ro Wilhem Solzbacher, montrante la internacian ekonomian kaj socipolitikan kunlaboradon de la ŝtatoj, la gravecon de la Internacia Labor-Oficejo en Ĝenevo kaj la eblecojn de praktika kunlaboro. Oni akceptis rezolucion, kiu petas la Ĝeneralan Sekretariejon, esplori la praktikan eblecon de kunlaborado kaj poste tuj realigi ĝin. Fine ĉefsekretario Pastro D-ro Johannes Nattermann paroladis pri la eŭropa ideo, kiu donos la temon de la sekvonta Internacia Junmetiista Kongreso. — La diskutoj estis interesaj kaj donis praktikajn rezultojn.

Unu vesperon okazis ĉe la tombo de Patro Kolping solena vespera preĝo. La tuta preĝejo estis plena de junaj homoj, kiuj en admirinde bela lumprocesio preĝis por la baldaŭa sukceso de la beatiga proceso de Patro Kolping. Pastro D-ro Teobaldi, el Zürich (Svisujo), faris predikon pri la sociaj malsanoj de nia epoko kaj ilia solvo per la aganta amo de la kristanismo laŭ la ekzemplo de Adolf Kolping.

En la fina dimanĉo okazis impona demonstrado en la mondkonata salonego « Gürzenich », kiu jam vidis tiom da gravaj historiaj okazaĵoj. Kaj el ĉiu lando unu junulo paroladis en sia simpla maniero kaj sia lingvo, por konfesi sian fidelecon al Kolping kaj lia asocio. La Kolping-standardo nun jam flirtas en la tuta mondo. Sub ĝi laboranta katolika junularo batalas por la realigo de kristana socia ordo sub la devizo : *Familio, Demokrateco, Internacia Paco!*

D-ro Wilhelm Solzbacher.

## La katolika gazetaro kaj la nia

La *Semaine Religieuse de Paris*, oficiala organo de la ĉefeparĥio de Parizo, publikigis, en sia numero de la 23 majo, longan artikolon de nia direktoro pri Esperanto praktike uzata de la katolikoj pere de nia informiga gazeto.

*St-Pöltner Zeitung*, el Sankt-Pölten, Aŭstrujo, anoncis en sia numero de la 30 aprilo, la aperon de nia internacia organo de katolika agado.

Kiel ni jam diris, la *Reider Volkszeitung*, en Aŭstrujo, regule enhavas rubrikon, kies informoj estas elĉerpitaj el K. V. kaj germanlingven tradukitaj de nia fervora amiko S-ro Adolf Halbedl. Ni havas antaŭ la okuloj la numerojn de la 12 kaj 26 marto, 2, 9 kaj 23 aprilo.

La *Lienzer Nachrichten*, en Lienz, Aŭstrujo, anoncis, en sia numero de la 17 aprilo, la aperon de nia gazeto kaj elĉerpis el ĝi la informojn pri la festoj honore al sankta Antonio de Padova.



**Nia gazeto estas ponumere aĉetebla en Parizo :**

Esperantista Centra Librejo, 51, rue de Clichy (IXe).

Universala Oficejo Katolika, 59 ter, rue Bonaparte (VIe).



## La Katolika Agado-Societo en Anglujo

Oni nuntempe legas en la Anglaj katolikaj ĵurnaloj pri la Katolika Agado. Estis ĉe la ĝeneral-kunveno de la « Catholic Truth Society » (Katolika Vereca Societo), ke Lia Kardinala Moŝto Bourne akcentis la bezonon por ĉiuj katolikaj gejunuloj aliĝi al unu el la multaj societoj en Anglujo por la defendo de la Kredo. *The Universe* pligrandigis la temon publikigante liston de tiaj societoj, kaj faris specialan peton al la gejunuloj aliĝi ; tiamaniere ili plifervore partoprenos en la glora laboro, sub la standardo de la Reviviga Sinjoro por gajni la mondon denove al Li.

Sed alia kampo de la Katolika Agado jam de longe ekzistis en nia lando, tio estas la Katolika Agado-Societo (K. A. S.), sed ĝi ne venas en la alvoksfero de la Kardinalo tial, ke ĝia membreco troviĝas ekskluzive inter la Jezuitaj profesoroj kaj studentoj ĉe la Kolegio « Heythrop » en Oxfordshire. Ĉi tiu Societo fondiĝis antaŭ sep jaroj por respondi la bezonon, speciale sentatan nuntempe, de ia kontraŭaganta influo al la multaj misreprezentoj de katolikaj instruadoj kaj praktikoj, kiuj sufiĉe ofte aperas en la angla jurnalaro. Teologiaj studentoj sendube estas en la plej bona pozicio por entrepreni tian laboron. Dum iliaj studadoj ili renkontas malkonsentajojn ĉiuspecajn, kiujn oni estas farintaj kontraŭ la Eklezio, depost la tempo de la grandaj herezoj en la Frua Eklezio, ĝis la tempo post la Vatikana Koncilio. En la Kolegio « Heythrop » la studentoj havas je sia dispono vastan bibliotekon, kaj la gvidecon de profesoroj en ĉiu branĉo de filozofio kaj teologio. Oni ne povas troinsisti, ke oftfoje estus neprudente por laikulo, kiu ne studadis en speciala kampo entrepreni religiajn polemikojn. *The Universe* pritraktante la Katolikan Agado-Societon antaŭ nelonge diris : « Ĉi tiu laboro bezonas sciecon, ofte laŭ speciala speco, ankaŭ takton kaj ĵugadon, se la ordinara katolika leganto de jurnalo estus ne tre certa pri siaj faktoj, estus multe pli bone peti al la Katolika Agado-Societo pritrakti la aferon. » La sperto gajnata de la K. A. S. dum la pasintaj sep jaroj, konvinkas ilin, ke katolikoj kutime estas pretaj doni justan traktadon al la Katolika flanko en polemiko, se ĝi estas kontentige prezentata. Alia fako de K. A. S. respondas ĉiujn privatajn demandojn, kiuj alvenas de katolikoj kaj nekatolikoj. Ĉi tiuj demandoj rilatas al multaj punktoj de katolika kredo aŭ ekzercado, interalie oni demandas pri la sintenado de la Eklezio al Framasono, Sankta Skribo, Anglikanaj Ordenoj, Nask-kontrolo, Hipnotismo, kaj Revelacio. Fine la Flugfolieta Fako havas por sia celo la kompiladon de mallongaj kaj klaraj verketoj klarigantaj la katolikan instruadon, por tiuj kiuj deziras havigi koncizan informon pri diversaj punktoj de la katolika doktrino.

Jam la K. A. S. eldonis flugfolietojn pri 44 temoj ; kaj ĝis la fino de 1930 iomete pli ol miliono estis vendata. La celo de K. A. S. estas helpi laŭpove disvastigi la sciecon de la Eklezio de Kristo, kaj kunlabori kun tiuj, kiuj aktive laboras por la konvertiĝo de Anglujo.

Leo Dukes.

**3**

**novajn abonojn vi jam varbus, se vi estus aŭdintaj niajn du antaŭajn alvokojn.**